29-a jaro



# LA VERDA LUPEO



29 (108) ~ INFORMILO DE ELF - AREK ~ MARTO 97

Offizielles Organ der ArGe ESPERANTO im VPhA




ANTAŬ 80 JAROJ, LA 14-AN DE APRILO 1917,
MORTIS LA KREINTO DE NIA KARA LINGVO
ESPERANTO: D-RO L.L. ZAMENHOF




# NOVJARAJ SALUTOJ

...komenciĝas nova jaro kaj kun ĝi venis de multaj klubaj geamikoj de ELF-AREK laŭdoj por la bona farita laboro lige kun bondeziroj pro la Nova Jaro. Al ĉiuj tiuj mi direktas elkoran dankon pro la kuraĝaj vortoj. Pardonu, se mi ne persone dankis. Mi tre esperas vian kunlaboron ankaŭ en tiu ĉi jaro kaj mia granda deziro **estas**, ke la informoj estus iom pli ampleksaj foje-foje.

La nuna LVL-numero vere estas tre "ĉineca" pro la filatelaj materialoj, aperintaj pasintjare en PR Ĉinio. Kvankam laŭ "eŭropa" kompreno estas "tro" da novaĵoj, sed mi persone ĝojas pri tiuj multaj ĉinaj filatelaĵoj, ĉar ili estas signo pri la aktiveco de niaj ĉinaj samideanoj. Aparte elstaras la E-filatela aktiveco de nia estimata kluba amiko *Zhang Linrui* kun siaj unuatagaj E-stampoj por Haikou. Ankaŭ la E-filatela aktiveco de nia Ĉin Kajĝi, kiu daŭre iniciatas "movadhistoriajn" filatelaĵojn, kiuj en multaj sociaj terenoj konatigas Esperanton kaj elstarajn ĉinajn personojn, kiuj aŭ forte subtenis Esperanton aŭ mem estis Esperantistoj. Ni ankaŭ admiru la belegajn desegnaĵojn de niaj E-grafikistoj Zhang Linrui, Xie Shaoxing kaj Tan Ailing. Gratulon al ili kaj koran dankon al ili pro la belegaj Esperantaj-filatelaĵoj.

Kore salutas vin ĉiuj
via
*Rudolf Burmeister*

## *Parolas la kasisto pri la pago de kotizoj*

Bedaŭrinde ne plu eblas "monigi" aŭ "poŝtmarkigi" la IRK en la germanaj poŝtoficejoj. Tial la IRK fariĝis fakte senvaloraj. Se oni prezentas IRK al la poŝtejo, ili sole stampas *TP-stampojn* sur la ekspedatan leteron. Tial estonte mi ne plu povas akcepti pagojn per IRK. Se eble, pagu vian kotizon por ELF-AREK pere de via landa UEA-ĉefdelegito por la konto de ELF-AREK "elfx-r" ĉe UEA. Kial la Germana Poŝto misatentas la regularojn de UPU, ne estas konata, tamen ĝi altigis la prezon de IRK de DM 2,50 al DM 3,-- (DM = germana marko), se oni aĉetas ilin ĉe la poŝto. Kontraste al tiuj DM 3,-- **staras** la poŝta tarifo por letero ene de Eŭropo de DM 1,--, kiun la poŝto stampas per TP-stampilo (afranko pagita)

Mi kore dankas pro la ricevitaj novjar-salutoj, pagitaj, pagotaj kotizoj

*via kluba amiko* *Rolf Beau, kasisto*

La nova adreso de nia kolektamiko Manninger:

*Josef Manninger, Grazer Str. 34 g, A-8045 GRAZ (Aŭstrio)*

## ATENTIGO DE LA KATALOG-PRILABORANTO

Mi ĵus komencis prepari la SUPLEMENTON 1997. Se vi havas ankoraŭ informojn pri novaĵoj aŭ atentigo pri eblaj korektoj, tiam bv. baldaŭ sendu ĉion al mi.

# STAMPOJ

ĈINIO

Niaj klubaj amikoj: Zhang Linrui kaj Gao Zhenxing informis nin pri novaj ĉinaj stampoj. Koran dankon al ili pro la senditaj kopioj,

En la LVL 28(107) vi trovas informojn pri la ĉi-tie uzitaj mallongigoj:

| LVL-no: 1993 | NET-katalog-no: | dato | urbo | teksto |
|---|---|---|---|---|
| 48 | A 129 | 03 12 93-<br>18 02 94 | Jiangmen-Zicha | Hunda Jaro 1994 |
| 49 | B 129 | 16 12 93<br>18 02 94 | Jiangmen-Zicha | Hunda Jaro 1994 |
| 50 | A 131 | 06 02 94 | Jiangmen | Feliĉan Novjaron 1994 |
| 1996 NET (ĉiuj: FK-UTS) | | | | |
| 28 | 263 | 04 08 | Haikou | La 30a Internacia geologia kongreso |
| 29 | 264 | 08 08 | Haikou | La pejzaĝo de Tianshan |
| 30 | 265 | 15 08 | Haikou | La Dengchuan freskoj |
| 31 | 266 | 22 08 | Haikou | La Xixia tomboj |
| 32 | 267 | 01 09 | Haikou | La konstruado de fervojo |
| 33 | 268 | 02 09 | Haikou | La raraĵoj de ĉina antikva arkivaro |
| 34 | 269 | 10 09 | Haikou | Naskiĝo de k-do Ye Ting |
| 35 | 270 | 16 09 | Haikou | 96a kongreso de IPU |
| 36 | 271 | 21 09 | Haikou | La ekonomia regiono Pudong de Shanghai |

| 1996 | ET-katalog-no: | (ĉiuj: FK-AS) dato | urbo | teksto |
|---|---|---|---|---|
| 24 | 143 | 08 03+<br>15 04 | Beijing presita<br>Peking stampita | Televida dramo |
| 25 | 144 | 21 05 | Beijing<br>Peking | E-pioniro Ye Laishi (Ĵelezo) |
| 37 *) | 150 | 02 06 | Xiamen | Fondiĝo Xiamen-a Esperanto-Asocio |

# Stampoj

ĈINIO

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 38 *) | 151 | 04 07 | Beijing Peking | E-subtenanto Mao Dun |
| 26 | 148 | 09 09 | Beijing Peking | E-pioniro Hu Juzhi |
| 27 | 149 | 18 10 | Beijing Peking | E-subtenanto Tao Xingzhi |
| 39 *) | 152 | 15 12 | Nanchang | Zamenhof - naskiĝtago |

Detalajn klarigojn pri la NET- kaj ET-stampoj vi trovos sub TUT.

*) Pri la stampoj 37, 38 kaj 39 ni nur dum januaro 1997 ricevis informojn.

Nia kolektamiko GAO Zhen-xing informis per kopio pri akiro de "hundojara loteria pk" kun tri memorigaj apudstampoj kun E-tekstoj, uzitaj okaze de la "Hunda Jaro 1994"










LVL-no: 48/93 - katalog-no: A 129:

Bildo: Kapo de hundo kun maldekstra E-teksto
Teksto en Esperanto: Hunda Jaro
En la supra rondo en la ĉina: Memore al la eldono de la (hundojara) novjar-pk kun loterio
En la suba rondo en ĉina: Filio ZICHA de PTO JIANGMEN de GUANGDONG-Provinco

Datoj: 03 12 1993 - 18 02 1994

LVL-no: 49/93 - katalog-no: B 129

Bildo: Kapo de hundo kun dekstra E-teksto:
Hunda Jaro
En la supra parto en la ĉina: sama teksto kiel k-no: A 129
En la suba rondo en la ĉina: sama teksto kiel k-no: A 129

Datoj: 16 12 93 - 18 02 1994

LVL-no: 50/93 - katalog-no: A 131

Bildo: floroj
Teksto en Esperanto: Feliĉan Novjaron
En la supra rondo en la ĉina:

# Stampoj

**ĈINIO**

En la suba rondo en la Ĉina: Memore al la JIANGMEN urbodistrikta, novprintempa filatela foiro
JIANGMEN 06 02 1994

Nia GAO supozas, ke ĉiuj tri estas apudstampoj. Dankon pro tiuj informoj. Estus interese scii, kiu tiujn E-stampojn iniciatis?

*Bildoj de la NET-stampoj de 1996, LVL-No: 28 - 36, katalog-no: 263-271:*



28



29



30



31



32



33



34



35



36

## 1995 ET


50

Lastminute ni ricevis de ĉinaj kolektamikoj informon pri ET-stampo de 1995. Temas pri:

87a datreveno de Esperanto-agado de s-ano Chen Shide (Zensto) diligenta disseminto de Esperanto.

La stampo ricevis la LVL-No: 50/1995 kaj la katalog-no: 153.

# Stampoj ET — 1996

**ĈINIO**




24



25



37




38

27






26

39




## ITALUJO

*Pliaj detaloj pri la stampo, uzita okaze de la 65-a Itala NK 1996*

De nia itala kolektamiko *Gimelli* ni ricevis pliajn informojn pri tiu stampo (vd. LVL 27(106). La NK okazis de la 24-30 aŭgusto en Ferrara. Partoprenis ĝin preskaŭ 200 personoj, inter ili gesamideanoj el 11 landoj.

Samtempe ankau okazis ekpozicio kun 2 ekspozajoj;

*Malfermu la fenestrojn al la mondo* kaj
*Esperanto kaj Filatelo* kun 102 folioj en 30 paneloj

La ekspozâjojn preparis niaj amikoj *Germano Gimelli* kaj *Mario Àmadei.*

La temo de la kongreso estis: *Internacia komunikado en la mezaj kaj malgrandaj entreprenoj.*

Okaze de la kongreso ankaŭ aperis 2 bildkartoj, montrantaj *la kastelon "Espense"* kaj *antikvan metiiston.*

La stampo, 36 mm Ø, estis uzata nur la 26 08 96 de la poŝtejo apud la kongresejo kaj tra la tuta posta semajno en la centra poŝtejo de Fer-

# Stampoj

## ITALUJO

rara, sed daŭre kun la dato 26 08 96.

Mi tre kore dankas al nia *GIMELLI* pro tiuj pliaj informoj, bildkartoj kaj stampoj.

65a ITALA KONGRESO DE ESPERANTO
FERRARA 24-30.8.1996



Internacia komunikado en la mezaj kaj malgrandaj entreprenoj

65° CONGRESSO ITALIANO DI ESPERANTO
FERRARA 24-30.8.1996
La comunicazione internazionale nelle piccole e medie imprese







# AFRANKSTAMPOJ

## *Nova AF INTERLAND en Francio 1996*

Jam 1991 aperis AF-stampo INTERLAND en Francio. Pri tio informis nia estimata amiko DALET en LVL 7(86), paĝo 12. Nun nia kluba amiko AMOUROUX trovis alian INTERLAND - stampon el la franca urbo SENS kun la dato: 11 10 96. Maŝin-numero: P - 125 100.

INTERLAND
... vos libera de tote frontiera e barriera de linguas
... liberigas vin el ĉiaj landlimo kaj lingva barilo







La teksto estas en INTERLINGUA (?) kaj en ESPERANTO. Mi kore dankas al nia AMOUROUX pro tiu informo.

## *Nova AF el Strážnice*

Ekde 25 09 1996 la poŝtoficejo en Stražnice (ĈZ) uzas por sia afrankmaŝino novan varbkliŝon kun reklamo pri la entrepreno *La espero*, kiun estras nia Vlada Hasala.

daŭrigo: AF-stampoj










Nia Hasala informis pri tio fine de decembro 1996. La AF-kliŝo montras firma-an emblemon kun la inicialoj *VH*, por Vlada Hasala. En ĝi ankaŭ troviĝas la telefona numero de Hasala: (06 31)332 507, la ĉeĥa poŝto novordigis la telefon-numerojn, eble pro disigo de ĈS.

# TUTAĴOJ

## AŬSTRIO

En oferto de aŭkcia domo mi elkovris novan, privatan alpreson de *Nacia Aŭstra Filatelista Asocio* sur la E-TUT de Aŭstrio el ala jaro 1950. Tiu TUT estis eldonita okaze de la Jara Kunveno kaj Tago de la Filatelistoj en Graz 1951.

Richard Hirsch




## ĈINIO

(Ĉar ĉifoje estas multaj ĉinaj TUT-PK mi nur anoncas la ĉefajn faktojn, pliaj detaloj aperos en la TUT-suplemento 1997).

ET-TUT-PK "TELEVIDA FILMO"

**Eldonita sub gvido Pekina Posta Administracio, Peking 1996 3.8. celebre** al la filmado de la televida dramo: *La unua amo por ĉiam*, memore al la 50a datreveno de la ĉina kontraŭjapana rezistmilito kaj la internacia kontraŭfaŝisma milito.

Sur la adresflanko en Esperanto kaj en la ĉina lingvo la unua parto de supre cititaj okazaĵoj, La surpreso okazis sur la 15-fenaj TUT-PK el la serio de 1993.

# Tutaĵoj

Dorsflanke Esperantlingva kaj ĉina tekstoj pri la fama aktorino *Wang Ying* kaj *XIE Hegeng*, la lasta vera amiko de ĈKG. Dekstre troviĝas presita memoriga as-stampo, sub sankcio de la poŝta administracio.

2 6 6 0 3 2 中国邮政明信片

CELEBRE AL LA FILMADO DE LA TELEVIDA DRAMO
《LA UNUA AMO POR ĈIAM》

电视剧《永远的初恋》拍摄纪念
谢和赓题





24



青岛嘉善路50号6号楼乙单元2号
高振学同志

北京市车公庄西路35号10楼1单元3号
秦凯基

1 0 0 0 4 4

1993 售价：20分

CELEBRE AL LA FILMADO DE LA TELEVIDA DRAMO
《LA UNUA AMO POR ĈIAM》

K-dino Wang Ying (1915.3.8-1974.3.3), fama aktorino; k-do Xie Hegeng (1912-), fama sekreta laboranto de ĈKP; verkistaj-geedzoj, popolaj diplomatoj kaj fervoraj subtenantoj de Esperanto. Pro iliaj rimarkindaj kontribuoj al la Ĉina Kontraŭjapana Rezistmilito kaj la Internacia Kontraŭfaŝisma Milito, la Centra Televida Stacio kaj la Shaanxi(provinco)-a Televida Stacio, laŭ ilia drameca amhistorio kaj brila batala vojo, kune filmis la televidan dramon 《La Unua Amo por Ĉiam》 memore al la 50-a venk-datreveno de la Ĉina Kontraŭjapana Rezistmilito kaj la Internacia Kontraŭfaŝisma Milito.

Teksto: Qin Kaiji
Desegnita de: Sun xiaolei, Xie Shaoying kaj Tan Ailing
Eldonita de: Pekina Poŝta Administracio
Pretigita de: Centra Televida Stacio
Shaanxi-a Televida Stacio
Ĉina Popola Asocio por Amikeco kun Fremdaj Landoj
Ĉina Esperanto-Ligo
Pekina Esperanto-Asocio

文字：秦凯基
设计：孙晓霞、谢绍英、谭爱玲
监制：北京市邮政管理局
承办：中央电视台
陕西电视台
中国人民对外友好协会
中华全国世界语协会
北京市世界语协会





电视剧
《永远的初恋》
拍摄纪念

王莹同志(1915.3.8-1974.3.3)，著名演员；谢和赓同志(1912-)，著名地下工作者；夫妇作家、人民外交家和世界语热情支持者。由于他们对中国抗日战争和国际反法西斯战争所作的突出贡献，中央电视台和陕西电视台以他们曲折的爱情生活和光辉的战斗历程为线索，联合拍摄电视剧《永远的初恋》，作为向中国抗日战争和国际反法西斯战争胜利五十周年的献礼。

# Tutaĵoj

## ET-TUT-PK Ye Leishi (Jelezo)

En *Peking-Xiqua* estis uzita TUT-PK memore al *Ye Laishi (Jelezo)* kun la dato: 1996.5.21.
Stampo-bildo: Portreto de Ye Laishi, E-stelo, laŭrobranĉo kaj teksto en la ĉina kaj Esperanto:

*Jelezo: Esperanto-movado en Ĉinio, oni povas aserti, ricevis certan komprenon de la socio kaj subtenon de la socio kaj de la registaro*

La teksto sur la TUT-PK sub la libroj kun dekoraĵoj estas:

*La 85-a naskiĝ-datreveno de samideano Ye Laishi (Ĵelezo), magneto de la ĉina Esperanto-movado kaj pioniro de reformado de la ĉina skriba lingvo*




## ET-TUT-PK Hu Juzhi (Hujucz)

Uzita en Peking-Xiqua 1996.9.9.
stampo-bildo: Portreto de Hujucz, E-stelo laŭrobranco kaj floroj.
La cirkloforma teksto egalas en Esperanto kaj la cina:

*La 100-a naskiĝ-datreveno de samideano Hu Juzhi (Hujucz), Ĉina eminenta politik-aktivulo. pioniro de ĉina progresema kultur-kaj eldona entrepreno kaj esperanto-movado*

La sama teksto ankaŭ troviĝas sub la libro kun dekoraĵoj.

En la stampo, maldekstre de la portreto en la ĉina lingvo kaj sub la portreto, troviĝas jena teksto:

*Hujucz: Kio estas Esperanto? Simpladire, ĝi estas "Putonghua" (internacia lingvo)*

# Tutaĵoj

Meze, dekstre de la E-stelo sur libro en la ĉina ligvo:

*Vaste kaj laŭgrade disvastigu*
*Esperanto-movadon en Ĉinio.*
*Ni nin dediĉu por la mondpaco,*
*por ke Esperanto fariĝu*
*internacia lingvo , tutmonde uzata*




TUT-PK Tao Xingzhi

Eldonita sub gvido de la Pekina Posta Administracio 1996.10.18

Desegnita de: XIE Shao xing kaj TAN Ailing
Esperantigita de: Qin Kaiji
Pretigita de 8 organizoj kaj asocioj
Eldonkvanto ne konata

Por la surpreso estis uzita la 15-fena pk el la serio de 1993

Dorsflanke troviĝas en la ĉina mallonga prezento pri TAO Xingzhi

Adresflanke supre en la ĉina kaj malsupre en Esperanto identaj tekstoj:

*La 105-a naskiĝa datreveno de TAO Xingzhi*
*granda edukisto kaj fervora Esperanto-subtenanto*
*kaj la 50-a fondiĝa datreveno de la socia universitato*

En la maldekstra mezo libro ornamita per floroj kaj E-steloj kun paralelaj tekstoj en la ĉina kaj Esperanto:

*Lernu la pedagogian penson de TAO Xingzhi*
*por antaŭenpuŝi la edukan reformadon*
*Jiang Zemin*

# Tutaĵoj

En la stampo troviĝas meze steloj kaj floroj, formita kiel koro kun ideogramoj. En la koro tekstoj en ambaŭ lingvoj.

*Plenigu la mondon per amo. TAO Xingzhi*

La cirkloforma teksto en Esperanto kaj en la ĉina egalas al la teksto sub la monumento.

Pro la amaso de la tekstoj ĉio nur legeblas per lupeo.




TUT-PK Germanio
E-filatela surprizaĵo el Chemnitz 1932

Pentekoste 1932 en mia urbo, Chemnitz, okazis la 21a Germana Esperanto-Kongreso. En la *Germana Esperantisto*, majo 1932, legeblas:

*"... kun multaj surprizoj (filatelistoj atentu..."*

Pasis 65 jaroj por malkovri tiun "surprizon" Nia kolektamiko HIRSCH trovis aŭtune 1996 en filatela aŭkcio TUT-bildkarton de tiu kongreso. Neniam antaŭe mi aŭdis ion pri ĝi kaj finfine ni scias pri kio temis tiu "surprizo" por filatelistoj. Tiun PK-TUT aperigis sendube la LKK, sed la iniciatinton mi ne sukcesis trovi ĝis nun. Eble la sperta instruisto *KLEMM*, eble la tribunala direktoro *FEDER* aŭ la profesoro *WICKE*, ĉiuj estis tiutempaj aktivuloj.

En alia loko troveblas noto pri vendo de oficialaj festpoŝtkartoj, sed kun bagatela prezo: 10 pecoj kostis 50 pfenigoj, do ne povas temi pri tiu TUT. La ofertprezo pcr tiu trovita TUT estis *nur* DM 220,--.

# Tutaĵoj




dorsflanka surpreso

Novtrovita TUT-PK de Ruslando el la tempo 1910 - 1920 (?)




Mi jam katalogis 3 de tiuj poŝtkartoj kun pm de 20 kopekoj, Nun mi trovis denove ruslandan TUT, sed sur PK kun 5 kopeka pm. Manskribe estas indikita la eldonanto: *Esp-a Eldona K-io Rusio Kazaru (?) Po-pova gora; 3.4,6 (M 2).* Pliajn informojn mi ne havas. La ofertprezo de tiu TUT-PK estas: DM 150,--.

R.Hirsch



# REKO-MARKOJ

En LVL 26 (105) mi skribis pri trovo de variaĵo de tiu reko-marko (RM). Tio instigis nian estimatan amikon *Bielak* al plia serĉado kaj en la pola reko-katalogeto de la regiono *Gdansk* (1960-92) li trovis tiun por ni sensacieton: ekzistas 6 variaĵoj de la reko-marko kun la indiko *Zamenhofa*; intertempe katalogitaj en suplemanto 1997.
3 variaĵoj sub la numeroj 9-1 (2); 9-2 (mankas ĉe la redaktoro) 9-3 (4) mankas al mi 1, 3 kaj 5, do entute 6 RM; rimarko de Hirsch)

| | | |
|---|---|---|
| n-ro 1 | sen poŝta kodnumero<br>tricifera numero | Zamenhof inter krampoj |
| n-ro 2 | kodnumero: 81-240<br>sescifera numero | Zamenhof sen krampoj |
| n-ro 3 | kodnumero: 81-240<br>tricifera numero | Zamenhof inter krampoj |
| n-ro 4 | kodnumero: 81-240<br>sescifera numero | Zamenhof inter krampoj |
| n-ro 5 | kodnumero: 81-290<br>sescifera numero | Zamenhof inter krampoj |
| n-ro 6 | kodnumero: 81-240<br>sescifera numero | Zamenhof sen krampoj kaj kun iom pli grandaj literoj, same kiel la urbo. krome malgranda distanco inter la meza streko kaj la indikoj. |

Do, almenaŭ nia *Bielak* reagis al tiu LVL-informo. Dum kiuj tempoj la diversaj variaĵoj estas uzataj, ni ne scias. Nur pri la numero 4: en 1988. Eble niaj aliaj polaj amikoj ankaŭ reagos kaj informas pri la rezultoj la redaktoron. Mi posedas la numeron 2 kaj 4.
Koran dankon al nia amiko *Bielak*.

*La Katalog -numeroj estas laŭ la nova suplemento 1997 (en preparo).*




1-9-4




2-9-1




3-9-5




4-9-3




5-9-6




6-9-2

# Glumarkoj




*La unua E-propaganda glumarko de Germana Laborista Esperantista-Asocio (GLEA)*

Sur la paĝo 32 de la gazeto "*Antaŭen*" de tiu asocio, n-ro de majo 1911, troviĝas kopio de la unua propaganda glm de GLEA, fondita en aprilo 1911. Mil pecoj kostis 5,-- gmk. La meza ronda desegnaĵo en ĝi haveblis ankaŭ kiel asocia insigno. Tiun insignon mi posedas en mia kolekto, sed bedaŭrinde ne la glumarkon. Certe en iu kolekto tiu glumarko estas trovebla.




*Kotizmarko de GLEA por la Esperanto-Propaganda Fonduso*

Ankaŭ ĝin mi neniam vidis en iu glm-kolekto. Nur nun mi ricevis ĝin el Finnlando de s-ano *Asko Kyttä* el Vaasa. Tiu glumarko troviĝas sur PK, sendita 1921 de Chemnitz-a laborista E-isto al sia finna korespondanto *Matti Avinen.* La desegnaĵo sur ĝi montras al ni, ke ĝi estis farita en la tempo de restarigo de GLEA post la Unua Mondmilito, 1920/ 1921.

La kotizmarko havas *nominalon* de 1,-- gmk. Nia amiko *Jankowski* registros tiun glm en sia katalogo pri E-mono.




*Garanti-Fonda Marko okaze de la 2. Laborista Olimpiado Vieno 1931*

Ankaŭ ĝi ĝis nun ne estis konata, kvankam ĝi estas datumita. En la gazeto *Laborista Esperantisto.* n-ro 7/30 mi nun trovis anoncojn pri ĝia vendado. Ĝi kostis 10 pfenigojn. Bedaŭrinde mi nur trovis foton de ĝi.

Rimarko de *Hirsch:* Ĝi aperos en la suplemento 1997 en la parto *Trovita.*




*Novaj glumarkoj por la UK-oj 1997 kaj 1998 en Adelajdo (AŬS) kaj Montpellier (F)*

Pro manko de spaco aperos la detaloj pri tiuj glumarkoj en la venonta LVL. Haveblaj ili estas ĉe UEA.



## ANGULO DE E-MEDALOJ KAJ E-MONEROJ

Nia estimata kluba amiko *Hans Jankowski* informis:

"...En majo 1996 mi eksciis, ke en iu kolekto en Hispanio estas malgranda monero de 2 Centimos, eldonita de iu *COOPERATIVA LA LIBERA POPOLO ANGLES* (urbeto).

Tiu urbeto situas en Katalunio (Hispanio) apud la urbo *Gerona*. Ĉar la vortoj *LA LIBERA POPOLO* nek estas katalunlingve, nek kastilo, oni nur povas supozi, ke la kooperativo estis de anarkistoj kaj inter ili estis esperantistoj, kiuj elektis tiun nomon.






La monero havas diametron de 20 mm kaj estas el kupro aŭ bronzo. La uzado verŝajne estis dum la jaroj 1925 - 1938..."

*Jankowski* ricevis "krajonan-skrapaĵon" kaj faris per ĝi por ni klaran desegnaĵon pri tiu monero, kiun ni supre montras al vi. Koran dankon pro tiu informo.

### *E-verkistino sur medalo (el "Eventoj" de 2a julio 1996)*

La *Monda Asocio de Medalistoj FIDEM*, kiu ekde jaro 1937 internacie ekspozicias medalojn tra la mondo, havas sian ĉi-jaran ekspozicion en Neuchatel (CH).

Eble estas interese, ke unu el la dek medaloj, venintaj el Kroatio, rilatas al E-kulturo. La skulptisto *Ante Despot* ekspozicias sian medalon kun la portreto de *Spomenka Stimec*, E-verkistino.

La medalo estas farita el bronzo kaj estis persona donaco de la skulptisto al la aŭtorino.

L.S.

## E-Afiŝoj

Reago al mia informo pri afiŝoj ne venis. Supozeble intereso pri tiuj Esperantaĵoj ne ekzistas. Hodiaŭ tamen mi montras al vi afiŝojn de la 9a SAT-Kongreso 1929 en Leipzig kaj de *Germana Laborista Asocio* el la jaro 1927 kun la germanlingva teksto:

*40-jaroj Esperanto - Lingvo de la Monda Proletario*

Mi havas ankoraŭ 2 propagandajn afiŝojn de GLEA de antaŭ 1933. Tiujn mi sekvontfoje montros al vi en la espero, ke ankaŭ vi montru sur la LVL-paĝoj viajn posedaĵojn.

# E-Afiŝoj

Lige kun la hodiaŭa informo mi povas sciigi al vi, ke eble fine de tiu ĉi jaro ni disponas pri elektronika bildkatalogo pri E-fotoj kaj Esperanto-afiŝoj, kiujn nun prilaboras nia IEMW en Vieno. Tion mi legis en unu el la lastaj numeroj de la revuo "esperanto". En la intervjuo s-ano *Herbert Mayer* parolis pri 10 000 fotoj kaj 1000 afiŝoj en la IEMW! Kia trezoro por historiisto/antoj. Bedaŭrinde mi apartenas al tiuj post-restintoj, kiuj ne kapablas manipuli la nunan elektronikan ilaron.













De la 9a SAT Kongreso en Leipzig ankaŭ ekzistas 3 glumarkoj, katalogitaj sub la numero 172 en la glumarkkatalogo.






BERTHA VON SUTTNER

vizitis la E-klubon en London, 1906

Fonto: TRA LA MONDO, 1906 Aŭgusto

Sur paĝo 19: "... Baronino von Suttner la 20-an de julio 1906 honoris la Londonan E-klubon per ŝia ĉeesto en la ĉiusemajna kunveno. Ŝi diris al la klubanoj, ke tre plaĉas al ŝi tie troviĝi. Esperanto prezentas grandan intereson je ŝi, ĉar la celo de Esperantismo kaj pacifismo estas preskaŭ la sama. Multespere ŝi atendas la gloran tagon, kiam oni diros:

DEMETU LA ARMILOJN KAJ AMU
UNU LA ALIAN

kaj, ke oni ĝin diros Esperante.

A.E. Lawrence
Honora sekretario
de la Londona klubo

Jen interesa fakto, kiun vi povas dokumenti per iuj Suttner-pm en via ekspozaĵo.

Al mi tiu fakto ĝis nun ne estas konata.



1907. CAROLINE OXENFORD, E.V.

UNU NUMERO: 75 CENTIMOJ.

## BILANCO DE LA STAMPOBANKO 1996

| *ENSPEZOJ* | DM | *ELSPEZOJ* | DM |
|---|---|---|---|
| Transpreno el 1995 | 62,50 | repagoj de bonhavoj | 100,-- |
| por kotizoj | 224,-- | por kopioj | 5,-- |
| por materialo | 797,45 | por materialo | 676,20 |
| por afrankoj | 113,-- | por afrankoj | 165,-- |
| | | por kotizoj | 224,-- |
| | | mona posedaĵo de la banko | 27,03 |
| | 1.197,03 | | 1.197,03 |

**Materiala posedaĵo de la banko:**

11.052 pecoj de E-stampoj 1.008 pecoj de E-tutaĵoj

Krome: malgranda stoko de E-pm, UTK kaj E-pm surletere

Bonhavo de membroj: DM 9.169,-- ŝuldoj de membro: DM 88,95

Krome kolektigis ĉe la banko granda stoko de komisiona materialo. 36 kalkuloj dum 1996 montras, ke la banko ne bone funkciis.

Soltau 31 12 1996 Werner Heimlich

*oferto de la stampo-banko:*

| | *DM* |
|---|---|
| 100 div. sta Ĉin-NET normalaj pk aŭ kv | 80.-- |
| 100 div. sta Ĉin-NET specialaj pk aŭ kv | 120.-- |
| 100 div. sta el 20 diversaj landoj | 80,-- |
| 50 div. Ĉin-NET normalaj pk aŭ kovertoj | 50.-- |
| 50 div. Ĉin-NET specialaj pk aŭ kovertoj | 75,-- |
| 50 div. sta el diversaj landoj | 50,-- |
| 50 div. E-stampoj el Pollando | 50,-- |
| 50 div. E-stampoj el Hungario | 50,-- |
| 20 div. E-stampoj el Germanio, Francio, Italio, Japanio kaj Hispanio, GDR | 30,-- |
| 20 diversaj TUT el GDR xx aŭ 0 | 20,-- |
| 20 diversaj AF el ĈSSR/ĈZ | 20,-- |
| 20 diversaj AF el diversaj landoj | 29,-- |

Ĉiam plus sendokostoj.

Eble ni povas malaltigi la grandan stokon de la banko. Sendu vian mankoliston al la stampobanko. Eble mi trovos ion inter la granda stoko de komisiona materialo.

La prezoj de la banka materialo estas kalkulitaj laŭ DM. Mi ne plu akceptas IRK kiel pagon. Pageblecoj: transĝiro je la poŝtĉeka konto aŭ monbiletoj en registritaj leteroj. El nepagipovaj landoj ankaŭ eblas pagi, post interkonsento, pere de E-materialo aŭ neuzitaj poŝtmarkoj.

Werner Heimlich

NIA KASISTO; ROLF BEAU; PREZENTAS LA JARFINAN BILANCON 1996

*Esperanto-Ligo Filatelista / Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj*

## *Bilanco 1996*

*(DM-konto)*

| Transpreno: 1.1.96 | 2908,79 | Bonhavo: 31.12.96 | 2716,18 |
|---|---|---|---|
| Konto | 2908,79 | Konto | 2689,15 |
| Stampobanko | 62,58 | Stampobanko | 26,83 |
| plia enspezo | 0,00 | plia elspezo | 255,39 |
| | 2971,37 | | 2971,37 |

*IRK-konto (pecoj)*

| Transpreno: 1.1.96 | 27 | Bonhavo: 31.12.96 | 1 |
|---|---|---|---|
| plia enspezo | 0 | plia elspezo | 26 |
| | 27 | | 27 |

| Enspezoj | | Elspezoj | |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 205 | Porto | 223 |
| Katalogo | 18 | Forvendo | 25 |
| Sumo | 223 | Sumo | 248 |
| Saldo plia elspezo | 26 | Saldo plia enspezo | 0 |
| Entuta sumo | 249 | Entuta sumo | 248 |

Informilo de ELF-AREK (Esperanto-Ligo Filatelista*Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj

Offizielles Organ der ArGe Esperanto(laborgrupo Esperanto de la germana VdPh = Asocio de la germanaj Filatelaj Laborgrupoj).

Redaktoro: Rudolf Burmeister, Max-Müller-Str.62, DE-09123 CHEMNITZ

Prezidanto: Hermann Heiss, Lohstr. 42, DE-77704 OBERKIRCH

Kasisto: Rolf Beau, Saxoniastr.35, DE-04451 ALTHEN

Bankoj: Sparkasse Leipzig: Konto-No.: 1 190 223 208
Bankkodo (BLZ): 860 555 92

Poŝtbanko Nürnberg: Konto-No.: 036 6737-855
Bankkodo (BLZ): 760 100 85

UEA-konto: elfx-r

Ek de 10/96 ne plu eblas pagi per IRK al Germanio, ĉar ne eblas ŝangi pli grandajn kvantojn de IRK ĉe la poŝtoficejoj.

Kotizoj 1997: okcidentanoj: DM 30,--
orientanoj: DM 20,--

Stampobanko: Werner Heimlich, Fröbelstr. 4, DE-29614 SOLTAU

Kompostis, presis kaj ekspedis: Richard Hirsch, Lambertstr. 12, DE-36251 BAD HERSFELD
(katalog-prilaboranto)